**PIETRO UBALDI**

# SPIRITAJ MESAĜOJ

El la itala lingvo tradukis
Walter A. Francini

1989

Eldonis
SPIRITA ELDONA SOCIETO F. V. LORENZ
Sede: Rua Dias de Oliveira nº 725
25665 Petrópolis (RJ) – Brazilo
Korespondadreso: Caixa Postal 91.219
25621 Petrópolis (RJ) – Brazilo

## SPIRITAJ MESAĜOJ

Kristnaska Mesaĝo
Kristnaskon 1931.

Mesaĝo de la Reviviĝo
Paskon 1932.

Mesaĝo pri la Pardono
La 2-an de Aŭgusto 1932, tagon de la "pardono de Porziuncola" de Sankta Francisko el Asizo.

Mesaĝo al la Kristanoj
Ĉe la 19-a jarcento post la morto de Kristo.

Mesaĝo al la Homoj de Bona Volo
En la 19-a jarcento post la morto de Kristo.

Mesaĝo pri la Paco
Skribita la Sanktan Ĵaŭdon vespere, sur la monto super S. Sepolcro, antaŭ Verna. Paskon 1943.

Mesaĝo pri la Nova Erao
Verkita vespere en la antaŭtago de Kristnasko 1953, en San-Vicente (San-Paŭlo), Brazilo.

Tradukitaj rekte el la itala lingvo de Walter A. Francini.

Kompostita de Fonto en Chapecó (SC) – Brazilo.
Presita en Brazilo.
Unua eldono en Esperanto.

# ANTAŬPAROLO AL LA PORTUGALLINGVA ELDONO

*Clóvis Tavares*

"SPIRITAJ MESAĜOJ", kiuj malfermiĝas per la Kristnaska Mesaĝo, diktita en *Modica*, en la insulo Sicilio, ĉe la sankta nokto de Kristnasko 1931, fermiĝas per la Mesaĝo pri Paco, ricevita dum la mondmilito, ĉe Pasko 1943, en *Arezzo*, antaŭ la sanktigita *Verna de Sankta Francisko*. Ili estas forta alvoko al la homa animo kaj al la spirito de la nacioj, sankta alvoko, kaj ankaŭ prepara, antaŭvenante la belegan revelacion de "LA GRANDA SINTEZO".

Ĉiela alvokado, la parolo de la Mesaĝoj foje direktiĝas al la plej intima konscienco de la homo, al tiu "profunda mio" de la bergsona koncepto, al tiu "pli nobla parto de nia animo" laŭ la vido de Ruysbroeck, la Admirinda; foje sin direktas al la monda animo, en la kurbolinio de la involua ondo, kie ĝi troviĝas; en ĉi tiu vesperiĝo de la materialisma civilizacio, proksime al la kristana Tria jarmilo.

La Mesaĝoj portas la ĉielan parolon, parolon superhome belan, disdonanta kuraĝon kaj lumon, direktita al la homa animo, angora kaj miregita antaŭ la terurigaj perspektivoj de la apokalipsa horo alproksimiĝanta.

Ili parolas ankaŭ al la inteligento de la homo, al la spirito de la scienca civilizacio, militema kaj agnoska, artifika kaj plezurema, kiu finas sian vitalan ciklon.

La sekvantaj Mesaĝoj estas la kompleta traduko de la volumo "MESSAGGI SPIRITUALI", kvara eldono itala, farita de "*Casa Editrice Cultura Religiosa Popolare*", Viterbo, 1945.

La Mesaĝoj estas la enkonduko al Kompleta Verkaro de la itala misiisto Pietro Ubaldi.

Kiu estas la Aŭtoro de la Mesaĝoj? Tion diros la leganto, se al li eblos agordi la koron kun la mallongaj ondoj de la potenca spirita sendinto, kiu ilin elradiis.

Estas tiel dirite kun karaktero ultrafana, mediume inspirita, la sekvantaj Mesaĝoj. Por Pietro Ubaldi, pri kiu tiel multe oni povus paroli, ĉi tiuj sublimaj paĝoj spiritecaj "ne scias diri pli ol tion: esti sentinta, ke ĉi tiuj mesaĝoj malsuprenvenas el la linio de Kristo, foje atinginte rilaton tiel proksiman kaj travideblan, ke ĝi donis al li la sensacon de la ĉeesto de Kristo, ĉe spirita kontakto. Ĉiu konscienco povos, laŭ sia povo aŭ pureco, esplori tiun misteron, kaj laŭ sia ebleco vibradi kaj sentadi, ĉefe rilate al la Kristo, trovi en si mem respondon." *(Prefazioni, Messaggi Spirituali*, paĝo 4-a).

Pri la Mesaĝoj, inter aliaj sciencistoj, opiniis Profesoro Ernesto Bozzano, eksprofesoro de Universitato de Torino, "certe la plej alta kaj nediskutebla aŭtoritato monda pri tiu temo", laŭ la justa opinio de S-ro Marc' Antonio Bragadin, direktoro de *"Ali del Pensiero"*.

Adresita al Prof-ro Ubaldi, diris Bozzano per letero de la 1-a de Junio 1932:

"Estas (la Mesaĝoj) solenaj, filozofie profundaj. Ili lasis al mi la plej favoran impreson, ĉar pro la akirita sperto en la analiza kaj sinteza esplorado de tuta turo de volumoj da transcendaj revelacioj ĉiuspecaj, mi povis disvolvi lertecon tre nekomunan pri la afero, tiamaniere ke al mi sufiĉas la legado de unu sola mesaĝo por fari juĝon, sen plia ekzameno, pri la subkonscia aŭ ekstera origino de tuta volumo. Tiel do mi deklaras al vi senkaŝe, ke la mesaĝo ricevita per via mediumeco estas sendube el transcenda deveno, kiel ankaŭ de altega inspiro."

Kaj en la sekvinta jaro tiel manifestiĝis la itala saĝulo, per letero el Savona, la 14-an de Oktobro 1933, al Prof-ro Pietro:

"Kara Ubaldi:

"Vi petas al mi juĝon pri Mesaĝo pri Pardono. Jen ĝi, per malmultaj vortoj: – Mirinda! Ĝi enhavas tiel sublimajn pasojn pro ilia kosma grandiozeco, kiuj trudas preskaŭ sensacon de sankta timo. Vi demandas ankaŭ, ĉu, laŭ la teksto, oni povas identigi la komunikiĝintan Enton. Ŝajnas al mi, ke el ĝi klare fluas, kiu estas tiu, kiu manifestiĝas: "... Dio, pardonu ilin, ĉar ili ne scias, kion ili faras..." "Pro amo al vi denove mi supreniros la krucon..." "Ne volu renovigi al mi la angorojn de Getsemano..."

"Oni deduktas, ke devas esti neniu malpli ol Jesuo Nazareta. Kaj tio, laŭ vidpunkto de scienca esplorado, konsistigas la ĝenigan punkton de tiuj mesaĝoj, kiuj, kiam revestiĝas per la sublimeco de tiuj, kiujn vi havigis, igas perpleksa la kuraĝon de la leganto; se temas pri esploristoj, kiuj, same kiel mi, jam estas konvinkitaj sperte pri la nerifutebla vero de la mediumaj komunikoj kun entoj de mortintoj, ili povos facile konvinkiĝi pri la vereco de la fonto el kie venas la mesaĝoj; sed tio okazos ĉiam kiel sekvo de "ago de fido", notite ke ĉi-foje ĝi sin fundamentas sur la sperto akirita ĉe la mediumeca esplorado.

"Sed bedaŭrinde, se oni deziras konvinki la mondon, kaj ĉefe la sciencistojn, pri la gravega fakto de la ekzisto kaj postvivo de la homa spirito, estas nepre necesaj la spertoj, la induktoj kaj la deduktoj de la faktoj. Kaj en tia lasta sistemo de pozitiva esplorado pri la mistero de l' esto, mi nevarieme tenas min. Sed tio ne malhelpas, ke tiu sistemo povu perfektiĝi kaj kompletiĝi per la helpo de la lecionoj kaj de la spirita lumo, venantaj el mediumaj altgradaj kaj sublimaj mesaĝoj, kiuj sin trudas al la racio. Kaj ĉi tiu estas la kazo de la mesaĝoj havitaj per via mediumeco.

"Vi petas al mi konsilon pri tio, ĉu vi devas daŭrigi aŭ ĉesigi la ekzercadon de via mediumeco, orientata laŭ la senco, kiel vi ĝin praktikadis. Mi respondas: al ĉiu lian taskon. Al mi koncernas kunhelpi, laŭ la kapablo de miaj fortoj, por konvinki la sciencistojn, surbaze de la faktoj; al vi, tiu tasko donaci al la pensanta

homaro sublimajn mesaĝojn, moralecajn kaj spiritecajn, kiuj iam estos la sole gravaj por la spirita evoluado de la popoloj. Antaŭen do laŭ via misio.

"Afablajn salutojn de E. Bozzano."

Ni do ne rifuzu la semojn de la Dia Semisto. La sankta grajnoj multobliĝu en ni kaj ekster ni po cent, po sesdek kaj po tridek, per la spirita releviĝo de niaj vivoj kaj por la bono de la mondo, por ke la filoj de homoj revestiĝu de la gloro de la filoj de la Regno, civitanoj de la Nova Homaro de la Tria Jarmilo, kiu proksimiĝas.

---

La kvina eldono en la itala lingvo (sen la lasta Mesaĝo) estis publikigita de *Tipografia Porziuncola*, en Asizo, en 1943, kun permeso de la Episkopo de Foligno, Stefano Corbini, sub la titolo *"Messagi Spirituali"*. La lastan: Mesaĝo pri la Nova Erao, la aŭtoro ricevis en la antaŭtago de Kristnasko 1953 en la urbo San-Vicente, Brazilo, kie li tiam loĝis. (La Eldoninto)

# KRISTNASKA MESAĜO

*Kristnaskon 1931*

En la silento de la sankta nokto, aŭskultu min. Flankenmetu ĉian scion, la memorojn, vin mem, liveru vin al mia voĉo, senmove, malplene, en la vakuo, en la plej kompleta silento de la spaco kaj de la tempo. En tiu malpleno aŭdu mian voĉon kiu diras: leviĝu kaj parolu: *Estas mi.*

Ekĝoju pro mia ĉeesto: ĝi estas altvalora al vi, ĝi estas granda premio, kiun vi pene meritis; ĝi estas tiu signo, kiun vi tiom alvokis pri tiu pli granda mondo kie mi vivas kaj je kio vi ade kredas. Ne demandu pri mia nomo, ne zorgu individuigi min. Vi ne povus, neniu povus; ne provu senutilajn hipotezojn. Malgraŭ tio vi konas min.

Mia voĉo tiel milda por vi, tiel amika por ĉiuj malgranduloj suferantaj en la ombro, scias ankaŭ esti tiel timiga kaj tondra kiel neniam vi aŭdis min. Ne zorgu; skribu. Mia vorto iras rekte al la profundo de la konscienco kaj tuŝas la animon de la aŭdanto, en la kerno. Ĝi estos aŭdata nur de tiu kiu iĝis kapabla ĝin aŭdi. Por la aliaj homoj ĝi perdiĝos en la grandega voĉbruado de ĉiuj. Tio ne gravas: ĝi devas esti dirita.

Mi parolas hodiaŭ al ĉiuj justuloj de la Tero kaj mi venigas ilin ĉiujn el ĉiuj partoj de la mondo por ke ili kunigu siajn aspirojn kaj preĝojn kaj el tio ili faru faskon supreniranta al la ĉielo. Neniu baro religia, nacia aŭ rasa ilin apartigu. Ĉar baldaŭ unu sola estos la divido inter la homoj: tiu inter la justuloj kaj la maljustuloj. La divido situas en la intimaĵo de la konscienco kaj ne en via videbla eksteraĵo. Ĉiuj kiuj sincere volas, tiuj povas kom-

preni kaj ĉiu, per si mem, scios kia li estas, neperceptata de sia najbaro. Mia vorto estas universala, sed ĝi ankaŭ estas alvoko intima, persona, por ĉiu ajn. Multaj homoj ĝin ekkonos. Iu granda renversiĝo alproksimiĝas en la vivo de la mondo. Ĉi mia estas unu voĉo: sed aliaj baldaŭ aŭdiĝos, ĉiam pli fortaj kaj oftaj en ĉiuj partoj de la mondo, por ke manku konsilo al neniu. Ne timu; skribu, rigardu.

Rigardu kiel la trajektorio de la homaj eventoj daŭras en la estonteco: kiam oni ne estas fermitaj en via fera kaĝo de la spaco kaj de la tempo oni "nature" vidas la estontecon. Sed tio kion mi montras al vi estas ankaŭ logika, laŭ via homa logiko, do ĝi estas komprenebla por vi.

La popoloj, samkiel la individuoj, havas respondecon en la historia disvolviĝo, pro la logika sinsekvado, laŭ kaŭza enĉeniĝo, kiu, libera en la premisoj, estas deviga en la sekvoj. La leĝo pri justeco, aspekto de la universala ekvilibro, laŭ kiu ĉio okazas, ankaŭ sur via mondo, volas ke la ekvilibro estu rekonstruita kaj ke la kulpoj kaj la eraroj estu korektitaj pere de la doloro. Tio kion vi nomas malbono kaj maljusteco estas natura kaj justa reago kiu nuligas la rezultatojn de viaj agoj. Ĉio estas volita, ĉio estas meritita eĉ se vi ne povas memori kiel kaj kiam. La doloro abundas en via mondo ĉar ĝi estas sovaĝa mondo, ejo por puno kaj provado, sed ne timu la doloron. Ĝi estas la sola afero vere granda kiun vi posedas tie sube, ĉar ĝi estas la ilo kiun vi havas por via elaĉeto kaj liberigo. Feliĉaj la suferantoj, Kristo diris al vi.

Via scienca progreso, ĉefa produkto de via tempo, daŭre ankoraŭ progresos en la materio. Ĝi dume amasigas la energiojn, la riĉaĵojn, la rimedojn por iu nova granda eksplodo. Imagu al vi ĝis kia grado alvenos la meĥanika progreso ankoraŭ prokrastita, se tiom multe ĝi jam faris dum malmultaj jaroj! Vere ne plu estos distancoj kaj la societo de la popoloj estos tiel interkomunikanta ke ĝi estos unu sola societo. Sed la homa menso ŝanĝas sian direkton de tempo al tempo, ĝi vivas de cikloj aŭ periodoj, ĉar en

ĉiu periodo ĝi devas alfronti iun malsaman problemon. La estonteco enhavas ne daŭrigojn sed ŝanĝiĝojn, sekvon de natura procezo de saturiĝo. Via scienca progreso emas iĝi kaj iĝos tiel hipertrofia, ĉar ĝi ne estas ekvilibrigita pere de paralela morala progreso, ke la ekvilibro en la historiaj eventoj ne povos konserviĝi. La regado fare de la homo super la naturaj fortoj kreskadis kaj ĉiam kreskados senprecedence en la historio; grandega povo por kiu vi ne estas morale preparitaj, ĉar via psikologio bedaŭrinde estas, esence, tiu de la terura mezepoko. Iu tro granda kaj tro nova povo por viaj senspertaj manoj. La homo akiros ian senton de fiero kaj de forto ke li sin perfidos. La senproporcio inter via povo kaj la etika grado de via vivo iĝos ĉiutage pli akcentata, ĉar ĉiu tago kiu pasas estas por vi, ĵetitaj al tiu direkto, nerezisteble tago de materia progreso. La ideoj estas ĵetataj en la tempo kun propra movo, kiel la bolidoj en la spaco. Mi vidas altiĝon de tensio malrapidan sed konstantan, kiu antaŭas la neeviteblan eksplodon de la fulmo. La eksplodo estas la lasta sekvo, eĉ laŭ via logiko, de la tuta movo. Senproporcio kaj malekvilibro ne povas daŭri; la Leĝo volas ke ili transformiĝu en novan ekvilibron. Kiel la lasta molekulo de glacio faligas la gigantan glacimonton, tiel el iu ajn fajrero naskiĝos la incendio. Iam la kataklismoj de la historio povos resti limigitaj ĉar la popoloj vivis izole; ne nun. Multaj homoj, kiuj naskiĝas hodiaŭ, vidos.

Sed la detruo estas necesa. Ĝi estos detruo nur de tio kio estas formo, inkrustaĵo, kristaliĝo, de ĉio kio devas fali, por ke restu nur la koncepto kiu reprenas la valoron de la aferoj. Iu granda bano de doloroj necesas por ke la homaro retrovu la ekvilibron libere perfortitan; granda malbono, kondiĉo por pli granda bono.

Poste la homaro purigita, malpezigita, pli selektita pro la perdo de siaj plej malbonaj elementoj, reariĝos ĉirkaŭ la nekonatoj kiuj hodiaŭ suferas kaj silente semas, kaj ĝi, jam renoviĝinta, reprenos la ascendan vojon. Iu nova erao komenciĝos kiam la spi-

rito, kaj ne plu la materio, reduktita al sklaveco, regos. Tiam vi lernos nin vidi kaj nin vi aŭdos; ni amase malsupreniros kaj vi vidos la veron.

Por nun sufiĉas. Iru; ripozu. Mi revenos; sed memoru ke mia vorto estas vorto de boneco, kaj nur celo de boneco povos min altiri. Kie estas nuraj scivolemo, deziro pri emocioj, malseriozeco kaj ankaŭ skeptika scienca esploro, tie mi forestas. *Nur boneco, amo, doloro min altiras*. Mi prezidas la spiritan progreson de via planedo, kaj por la spirita progreso pli gravas ago de boneco ol scienca malkovro. Ne petu la pruvon per miregindaĵo kiam vi povas havi tiun de la racio kaj de la fido. Estas via malsupereco kio igas vin admiri kiel signon de vero kaj potenco la escepton kiu perfortas la dian ordon. Se tio povas miregigi kaj konvinki vin, anarkiajn kaj ribelajn, por ni en la alto, ĝi estas la plej strida kaj ofenda disonanco, la plej abomeninda perforto kontraŭ la superega ordo kie ni ripozas, en kies harmonio ni vibras kontentaj. Ne serĉu similan pruvon, sed trovu ĝin en la kvalito de miaj vortoj.

Al ĉiu mi diras: "Pacon!"

# MESAĜO DE LA REVIVIĜO

*Paskon 1932*

Mia voĉo alvenas el trans la tempo kaj la spaco; ĝi estas universala voĉo kiu parolas al la tuta mondo kaj daŭras vera kiam ajn. Ĉar la vero ne povas ŝanĝiĝi, eĉ se rigardata de iu nacio aŭ de alia, de iu raso aŭ de alia; ĉar la homa animo estas ĉiam la sama, se rigardata en sia profundo.

Mi venas al vi hodiaŭ, Paskon, precipe por lumigi kaj konsoli, ĉar vi estas trempitaj en ondego de doloro. Vi nomas ĝin krizo kaj ĝin konsideras ekonomia krizo; sed mi diras al vi ke ĝi estas krizo universala, krizo de ĉiuj viaj moralaj valoroj, de ĉiuj viaj grandoj; mi diras al vi ke ĝi estas disfalo de jarmila mondo kaj ke la krizo estas ĉefe en viaj animoj, krizo de fidoj, de orientiĝoj, de esperoj. Vertiĝodona momento de grandaj maturiĝoj.

Mi portas al vi esperon, orientiĝon, pacon. Mi parolas hodiaŭ al ĉiu la vorton de la vero kaj de la amo, vorton kiun vi ne konas, por rekonduki vin al la jarmilaj originoj de la fido per la nova intelekto de via scienco. En la tago de la reviviĝo mi ripetas al vi la vorton de la reviviĝo, por ke vi komprenu la doloron kaj superu la mallarĝajn limojn de via vivo. Al ĉiu mi parolas per emociplena voĉo en la sankta silento de lia konscienco. Vi, kiu legas, apartiĝu dum unu momento de la senutila bruego de la mondo, kaj aŭskultu. Mia voĉo ne alvenos al vi pere de la sensoj, sed el tiu ĉi legado vi sentos ĝin ekaperi en la lingvo de via personeco. Mia voĉo ne alvenas same kiel ĉio el la eksteraĵo, sed ĝi aperos en vi, tra nekutimaj vojoj, kvazaŭ afero via, el la dia profundo kiu estas en vi kaj kie mi estas.

La universo estas senfina kaj mi venas el malproksime, altirate de via doloro. Nenio altiras min pli ol la doloro, ĉar nur en la doloro la homo estas granda kaj sin purigas kaj elaĉetas, direktante sin al pli altaj destinoj. Estas malĝoje frapi vin tiel, sed nur suferante vi povas kompreni la realon de la vivo. Ekĝoju, ĉar tio ĉi estas la peno por via reviviĝo. Al la suferanto mi diras: "Kuraĝon! Vi estas falinto kiu en la ombro reakiras la perditan grandecon." Justa reago de la Leĝo de vi libere rompita, kiu altrudas la revenon al la ekvilibro, kaj ilo de ascendo, la doloro indikas al vi la vojon perditan, trudas al vi la remalfermon de via animo, fermita per la facilaj ĝojoj kiuj bedaŭrinde vin blindigas, por pli altaj kaj pli veraj ĝojoj; ĝi estas forto kiu trudas ke vi meditu kaj retrovu en vi mem la forgesitan veron, ĝi estas altrudo je nova progreso. Akceptu kun ĝojo tiun grandan laboron kiu vokas vin por pli vastaj realigoj. Se ne estus la doloro, kio devigus vin evolui al pli kompletaj formoj de vivo kaj de feliĉo?

Ne ribelu, sed amu la doloron. Ĝi ne estas venĝo de iu Dio sed laciĝo altrudita al vi por nova konkero. Ne malbenu sed rapidu pagi la ŝuldon kaŭzitan de la misuzo de tiu libero kiun Dio donis al vi por ke vi estu konscia. Benu tiun sanigan forton kiu, superante la homajn barojn, trapasas sendistinge ĉiujn sojlojn, sekrete penetras kaj frapas kaj ordonas kaj decidas kaj scias esti komprenata de ĉiu. Ĉirkaŭbraku, amu la doloron, kaj ĝi perdos sian forton. Akceptu la necesan lernejon de ascendoj. Se vi ribelos, via forto povos neniom kontraŭ nevidebla malamiko, kaj la perforto falos revene sur vin pli forte.

Kuraĝon! Amu, pardonu kaj reviviĝu. Ne serĉu en la aliaj homoj la kaŭzon de via doloro sed en vi mem, kaj frapu vian bruston. Memoru ke la doloro ne estas eterna, sed nura animprovado kiu daŭras ĝis la elĉerpiĝo de la kaŭzo kiu ĝin naskis. Via doloro estas pesita kaj *neniam* ĝi superos viajn fortojn. La mondo estas kreita por la ĝojo, kaj al la ĝojo ĝi revenos. Ĉe la alia marĝeno aliaj fortoj vin gardas kaj etendas al vi siajn brakojn, pli avidaj ol vi pri via feliĉo.

Mi parolis kore al la homo sentema. Mi parolos nun al la inteligentulo.

Vi, homoj, estas liberaj en viaj agoj sed ne en iliaj sekvoj. Mastroj por semi ĝojon aŭ doloron sur via vojo, ne mastroj por aliiĝi la ordon de la vivo. Vi povos misuzi, sed se vi misuzos, la doloro punos la misuzon. De ĉiu via malbono vi semis la kaŭzojn.

La plej granda eraro de via tempo estas ignori la moralan faktoron, intiman orientiĝon de la personeco, kiu estas la fundamento de la socia vivo.

La hodiaŭa homo alproksimiĝas al sia similulo por preni, ne por favori. La via, kiu estas ekonomia civilizo, baziĝas sur la principo de "do tu des", kiu estas la psikologio de la egoismo. La ekonomia forto estas ĉiam la forto kiu regas la mondon. La kolektiva psikologio estas nenio pli ol la organa sumo de tiuj individuaj psikologioj. Tie amasiĝas la riĉaĵo kie altiras ĝin la forto, ne kie la neceso kaj superaj postuloj ĝin volas. Ĝi ne estas rimedo por vivo de justeco kaj de bono, sed ilo de povo kaj celo en si mem. La leĝo de ekvilibro estas daŭre rompata kaj ĝi trudas reagojn. Vi ne regas la riĉecon por pli altaj celoj, sed la riĉeco vin regas.

Laboru, sed la celo de via laboro ne estu via izola kaj egoisma avantaĝo, sed doni frukton en la socia organismo; nur tiam formiĝos la kolektiva psikologio kiu estas la stabila bazo de la homa societo.

Bonfaru sed memoru ke la malriĉulo ne tiom volas la superfluaĵon de viaj riĉaĵoj, sed ke vi malaltiĝu ĝis lin, kun li vi dividu lian doloron kaj eble ĝin vi prenu anstataŭ li. Estimu la malriĉulon; li estas la riĉulo de la morgaŭo. Kompatu la riĉulon; li estas la malriĉulo de la morgaŭo. Ĉiuj pozicioj emas inversiĝi por ke la ekvilibro restu konstanta. La riĉeco impulsiĝas al la malriĉeco kaj la malriĉeco al la riĉeco. Ve al la ĝuantoj kaj feliĉaj la suferantoj. Tio estas la Leĝo.

Ne fidu al la mondo kiu ridos kun vi ĝis kiam vi havos forton kaj komforton, sed kredu min, kiu venas kiam vi suferas por

doni al vi helpon kaj konsolon. Hodiaŭ vi vidas ke la doloro ekzistas kaj ke ne sufiĉas skeptikeco aŭ homa povo por ĝin forigi.

Tio ĉi estas la radikala ŝanĝiĝo kiu devas okazi en la homa societo: ke la vivo ne estu ago de konkero, kie triumfas la plej forta aŭ la plej ruza, sed ago de boneco kaj de saĝo kie triumfas la plej justa. Vi, esplorante per via scienco, trovos en la fundo de la aferoj tiun ĉi plej superan Leĝon de ekvilibro kiu vin regas, kaj vi lernos ke la lerteco de la vivo ne kuŝas en la perforto kontraŭ tiu Leĝo, kun semado por vi de doloraj reagoj, sed troviĝas en la obeado al ĝi, kun semado de rezultoj de bono; vi devas lerni kompreni fine ke la venkanto ne estas la plej forta – tiu estas perfortulo – sed tiu kiu sekvas konscie la disvolviĝon de la leĝoj kaj ekvilibriĝas sen perforto inter la fortoj de la vivo. La religioj relevaciis sed vi ade ne kredas, la scienco demonstros kaj vi ne volos vidi. La momento estas matura. Ve al vi se, ĉe tia triumfo de materia civilizo, vi volos ankoraŭ resti sur la nivelo de la bruto.

La mondo estas matura. Sed ĝi estas laca de provoj kaj de spertoj kaj de la nesolvebla interplektaĵo de viaj ruzaĵoj; ĝi estas laca vivi de la momento, antaŭ iu morgaŭo plena de nekonataĵoj; sed ĝi volas serioze antaŭvidi kaj solvi la grandajn problemojn de la vivo, ĝi volas malkaŝe rigardi la estontecon eĉ se tio postulas multe da kuraĝo. La mondo bezonas ne novajn ruzaĵojn por la malnovaj vojoj, sed la simplan kaj fortan parolon de la vero. La mondo ĝin atendas kun avideco, ĝin atendas la historia momento. La kolektiva psikologio havas la konfuzan antaŭsenton pri granda direktŝanĝo; ĝi sentas ke la homa menso, ne plu infaneca, estas prenonta la bridojn de la vivo sur la planedo, ke la instinktan kaj blindan ekvilibron de la biologiaj leĝoj la homo estas anstataŭigonta per konscia kaj volata ekvilibro. Do li serĉas la lumon por ke lia potenco ne dronu en la ĥaoson. Baldaŭ finiĝos via eksperimenta psikologio kaj ĝi estos anstataŭata de la intuicia psikologio kiu kondukos vian sciencon tre multe pli for. Novaj homoj disvastigos la veron, ne plu sangantaj martiroj, ne anakoretoj kiel

iam sed homoj de racio kaj fido, kiuj lanĉos la penson per la modernegaj rimedoj, homoj kiuj donos la ekzemplon meze de la kirloventego de via vivo.

Dispeciĝu la feran kaĝon kiun la pasinteco faris por vi kaj kie ne plu estas spaco por vi; kuraĝu, elirante el la malnovaj vojetoj, sed ne kuraĝu freneze kie estas nenio inda je kuraĝo; kuraĝu al la alto kaj neniam vi kuraĝos tro. El la granda maro de la latentaj fortoj, kiujn vi ne vidas, iu granda ondo levos la mondon.

Dume vi havu fidon. Via krizo, kiu vere estas profunda kaj doloriga krizo, naskos la novan homon de la tria jarmilo. Por ĝin kuraci memoru dume ke ĝi estas malbono en la esenco, kiu ne kuraciĝas, kiel vi celas, per la korektado de la formo. Por ĝin solvi, necesas alfronti la problemon en la esenco kaj la esenco estas la homo, lia psikologio, lia animo, kie estas la kaŭzo de liaj agoj, la unua fonto de la homaj eventoj. Tie ĉi estas la ŝlosilo de la estonteco.

Via plurjarmila ciklo de civilizo estas elĉerpiĝonta: vi ĝin devas repreni sur pli alta nivelo, ĝin travivi pli profunde, ne nur kredante sed ankaŭ "vidante".

Ve al vi se, alvenintaj al la regado de la planedo, vi ne regos la maŝinon, la riĉecon, viajn pasiojn, per pura spirito.

Vi estas liberaj kaj vi povas ankaŭ retroiri. En tiu ĉi fino de jarcento decidiĝas pri la tria jarmilo. Aŭ venki aŭ morti; kaj la morto ĉi-foje estas la plej malbona morto ĉar ĝi estas spirita morto.

Al ĉiuj mi diras: "Releviĝu per mia reviviĝo."

# MESAĜO PRI LA PARDONO

*La 2-an de Aŭgusto 1932, tagon de la ''pardono de Porziuncolo'' de Sankta Francisko el Asizo.*

Mia filo, mia voĉo ne malŝatas viajn malgrandajn ĉiutagajn aferojn, sed el ili ĝi leviĝas al la grandaj aferoj de ĉiuj tempoj.

Amu la laboron, ankaŭ la materian laboron. El tiu ĉi alta kaj sankta afero oni faris hodiaŭ febron. Kion oni ne misuzas ĉe vi? Kion la homo ne falsis? Pri ĉio vi troas. Vi ne konas la moderan laboron kiu posedas altan moralan enhavon, kiu, dum celas la necesaĵon por la korpo, donas ĝojojn al la spirito; vi transformis tiun ĉi dian donacon, per kiu estas permesite al vi modeligi la mondon laŭ via imago, en nesatigeblan turmenton de posedo. La belecon de la krea ago, en si kompletan, vi anstataŭigis per iu avido kiu ne konas pacon. Kiom da laciĝo por venenigi vian vivon! Amu la laboron sed kun nova spirito, amu ĝin ne pro ĝi, sed kiel agon de adorado al Dio, kiel eksterigon de via animo, ne kiel febron de riĉeco kaj de regado. Ne ligu vian animon al la rezultoj apartenantaj al la materio kaj sekve kadukaj, sed amu la agon, nur la agon de la laboro; via kompenso ne estu la posedo, la triumfo, sed la intima kontenteco esti farinta ĉiutage vian devon kaj esti kunlaborinta por la funkciado de la granda kolektiva organismo.

Tio ĉi estas la sola vera kompenso, nedetruebla, sekure via; ĉio alia konsumiĝas kaj perdiĝas. Eĉ se la konkreta rezultato forestus al vi kaj via laciĝo ne havus pagon, tiu ĉi kompenso ĉiam restus al vi. Tiu ĉi kompenso estas la paco en la koro, tiu paco

kiun la mondo, kiu kredas sin teni je la aferoj sekuraj kaj konkretaj, perdis por ĉiam. Malligiĝu de ĉio, eĉ de la frukto de via laboro, se vi volas havi la pacon. Okupiĝu pri la teraj aferoj, sed nur tiom kiom taŭgas por lerni malligiĝi de ili. La konstruado devas esti en via spirito, ĝi devas esti konstruado de kvalitoj kaj sintenoj de la personeco, ne konstruado en la materio, kiu estas sablokirlado kiu scias konservi neniun spuron. Tio kion oni volas ligi eterne al si devas esti ligata per la kvalitoj kaj la merito, devas esti ligata per la subtila forto de la Leĝo, de vi movata, ne per via ekstera forto aŭ per la ligiloj de viaj sociaj konvencioj aŭ de la materio. Nur en tiu senco oni povas fakte posedi: alimaniere vi konkeros nenion ol la malĝojon de la iluzio kaj la konscion pri la senutilo de la penado.

Alia granda problemo por vi estas la amo. Ascendu en la amo, samkiel vi devas ascendi en ĉiuj aferoj, se vi volas renkonti pli profundajn ĝojojn. Martelu vian animon en la daŭra intima laboro kondukanta al la konkero de amoj ĉiam pli vastaj, ĉar nur ili havas la reziston de la aferoj eternaj.

Vi scias ke la amo ascendas de la homa esenco al la dia; kaj en tiu ĉi ascendo ĝi ne detruiĝas, sed fortiĝas, puriĝas, multobliĝas. Sekvu min kaj tiam vi povos kanti la kanton de la amo:

"Mia korpo malsatas kaj mi kantas; mia korpo suferas kaj mi kantas; mia vivo estas dezerta kaj mi kantas; por mi ne estas kareso, sed al mi venas ĉiuj kreitaĵoj. Mia frato venas al mi malamike por min malprofitigi kaj mi malfermas al li miajn brakojn por lin ami. Vin ĉiujn mi benas, kiuj kaŭzas al mi doloron, ĉar vi kaŭzas al mi spiritan purigadon kiu malfermas la ĉielan pordon al mi. Mia doloro estas kanto kiu suprenirigas min. Laŭdon al Vi, ho Sinjoro, pro tio ĉi, kio estas la plej granda mirindaĵo de la vivo, ke la kompatinda intenco de malbono far mia similulo estas por mi via beno."

Ĉi miaj instruoj ne tiom direktiĝas al via intelekto kiom al via intuicio. Tio kion mi diris al vi havas sencon pli vastan: ke la feliĉo de la aliaj homoj estas la sola kaj sekura feliĉo por vi; ĝi

signifas estingon de la egoismoj en universala ĉirkaŭbrako de altruismo. Tio ĉio povas esti facile komprenebla, sed ĝi estas malfacile sentebla. Mi ne celas vian racion, kiu diskutas, sed celas en vi tiun internan vizion kiu agas, tiun vizion kiu sentas per tuja koncepto kaj vidas kun brilega evidento kaj ĵetas sin rekte al la ago. Mi petas al vi la impeton kiu fontas sole el iu varmo de fido, ne el la zigzagaj vojoj de la rezonado. Mi ne volas erudicion, esplorojn kaj intelektajn venkojn, sed mi volas ke vi vidu per sinteza ago de fido kaj ke vi travivu tuj vian vizion, personigu vi la viditan ideon, brilu vi mem pro ĝia brilo. Tiam nur la ideo vivos sur la tero kaj, personigata de vi, ekzistos momento de la dia konceptado. Mi ne alvokas la scion aŭ la inteligenton, kiuj ne estas ĉies posedaĵo, sed mi venas al vi tra nekutimaj vojoj kaj en vin mi penetras per rekta radio kiu subiĝas profunde kaj forigas la mallumon, kiu alsagas kaj vin atakas nerezisteble, tra novaj vojoj, per novaj fortoj kiuj levos la mondon kiel dum tempesto. Mi parolos, por esti komprenata, ankaŭ la malvarman kaj tranĉan lingvaĵon de la racio kaj de la scienco, sed mi parolos precipe la ardan kaj tujan lingvon de la fido. Mia vorto havos la tondron de la ordono kaj la mildecon de la patrina kiso. Ĉiujn ekstremaĵojn de scio kaj de simpleco, de forto kaj de boneco enhavos mia voĉo por esti komprenata de ĉiuj. Mia vorto estos angora ploro kaj tempesto de pasio, ĝi estos nostalgia lamento pro iu pli granda malproksima patrujo, kaj estos impeto de ago por tien vin konduki. Mia vorto fluos kelkfoje kiel murmuranta rivereto tra la verdaĵo por konduki al vi la freŝecon de aĵoj puraj, kelkfoje ĝi tondros kun la furiozaj elementoj en la impeto de la tempesto. Al ĉiu animo mi volas scii subiri, kaj min adapti, por ke de ĉiu animo mi estu komprenata; por ĉiu animo mi devas trovi vorton kiu ĝin penetros en ĝia profundo, ĝin skuos, ekflamigos kaj lanĉos al la alto kie mi estas, al mi ĝin kondukos kie ĝin mi atendas. Animojn, animojn mi petas. Por konkeri animojn mi venis de la profundaĵoj de la infinito kie estas nek spaco nek tempo, mi venis por etendi al vi miajn brakojn, mi venis por diri al vi denove la vorton de la reviviĝo, por

vin levi al mi, por indiki al vi pli altan vojon, plenan de ĝojoj pli altaj. Vi identiĝas kun la vivo de via korpo kaj vi povas senti nenion pli ol limigitan vivon kia estas tiu de la korpo. Kompatinda vivo, mallonga en la tempo, necerta pri ĉio, reduktita al la limoj de viaj kompatindaj sensoj. Kompatinda vivo fermita en ĉerko, en tombo, tiu via korpo kiun vi tiom ŝatas! Mia voĉo enhavos ĉiujn ekstremaĵojn de via varia psikologio. Aŭdu min.

Mi ne instruas al vi ĝui la terajn aferojn, ĉar ili estas iluzio, sed mi indikas al vi la ĝojojn de la ĉielo, ĉar nur ili estas veraj. Mia vero ne estas la facila vero de la mondo; mi ne promesas al vi ĝojojn sen laciĝo sed mia promeso ne trompas vin. Mia vojo estas la vojo de la doloro, sed mi diras al vi ke nur ĝi estas la vojo de la liberiĝo kaj de la elaĉeto. Mia vojo estas vojo de lukto kaj ĝi estas dorna, sed ĝi kondukas vin al la reviviĝo en mi, kiu vin satigos por ĉiam. Mi ne diras al vi: "Ĝuu, ĝuu", samkiel diras al vi la mondo. Sed la mondo trompas vin kaj mi ne vin trompas. Mia vero estas malglata kaj nuda, sed ĝi estas la vero. Mi petas vian laciĝon, sed mi donas al vi la feliĉon; mi diras al vi: suferu, sed mi estos apud vi en la momento de la doloro, mi vin gardos kompateme kiel patrino, mi mezuros vian tutan penadon, mi proporciigos la provojn al viaj kapabloj kaj fine mi faros tion kion la mondo ne faras: mi viŝos viajn larmojn. La mondo ŝajnas disĵeti rozojn sed lasas al vi la dornojn: mi prezentas al vi la dornojn sed mi helpos vin rikolti la rozojn. Sekvu min, kiu donis al vi la ekzemplon. Leviĝu, ho homoj. La momento alvenis. Mi ne venas por porti la militon sed por porti la pacon. Mi ne venas por porti la malpacon inter viaj ideoj, inter viaj kredoj, sed por fekundigi ilin ĉiujn per mia Spirito, por unuigi ilin en mia lumo.

Mi ne venas por detrui; mi venas por konstrui. Kio estas neutila, tio sekiĝos per si mem tiel ke mi ne donos al vi ekzemplon de agresemo. Vi ĉiam volus agresi, eĉ en la nomo de Dio. Kun kiom da avido vi ŝatus diskutojn kaj luktojn, la lukton kontraŭ viaj fratoj, kun preteco tiel profani ankaŭ mian puran vorton de boneco. Sed mi ripetas al vi: "Amu vin unu la alian". Ne dis-

kutu, sed donu ekzemplon de virto ĉe la doloro, amu vian proksimulon, sciu alkuri pretaj kien ajn estas sufero kvietigenda, kareso farenda. Viaj erudiciaj esploroj kolerigis la animojn kaj ne progresigis vin je unu paŝo al la ĉielo. Mi ne venas por agresi sed por profitigi, ne por dividi sed por unuigi, ne por detrui sed por konstrui. Mia vorto celas antaŭ la scio la bonecon. Mia voĉo estas vasta kiel la universo, solena kiel la infinito kaj subiĝos al viaj koroj foje milda kiel kareso foje renversiga kiel uragano.

Mi venas al vi de la alto kaj de malproksime. Vi ne povas vidi kiom longa vojo estas por ni, faritaj el pura koncepto, superi la grandan, la nemezureblan spiritan distancon kiu apartigas nin de vi trempitaj en la koto de la tero. Viaj psikologiaj distancoj estas pli malfacile supereblaj ol viaj distancoj de spaco kaj tempo. Tial mi alvenas kelkfoje laca. Mia laciĝo ne estas fizika laciĝo sed ĝi estas la senkuraĝiĝo pro via nekomprenemo. Tamen mia vorto havas la guston de la eterneco kaj de la infinito, ĝi havas tonon de vasteco kiun ne havas la homa voĉo kaj vi devus min ekkoni. Tamen mi venas plena de amo kaj de boneco, kaj vi ne akceptas min. Mi, kiu vidas la limojn de la historio de via planedo, mi, kiu per eklumo de mia rigardo vidas sen peno la tutan laborigan ascendon de tiu ĉi homaro kies patro mi estas, mi igas min malgranda hodiaŭ, mi limigas kaj fermas min en la mallongeco de via historia momento por ke vi povu min kompreni. Se mi parolus al vi per mia tuta potenca voĉo vi ne povus min kompreni. Mia rigardo vidas la teron ekde la tempo kiam la homo ankoraŭ ne estis kaj ĝin vidas for en la estonteco, naviganta en la spaco, mortinta kiel ĉerko, ĉerko de ĉiuj viaj grandoj. Mi vidas vian sunon agonianta, poste mortinta, poste repreninta novan vivon. Mi vidas ĉirkaŭ tiu ĉi atomo, kiu estas via planedo, polvon de daŭre kirliĝantaj astroj tra la senfina spaco, kaj ĉiu el ili portas kun si homaron de estuloj kiuj luktas, suferas, venkas kaj ascendas. Mi vidas ĉion kaj legas en viaj koroj kaj en la koroj de ĉiuj estuloj. Trans via fizika universo, mi vidas iun pli grandan moralan universon, kie la animoj, en sia laboriga ascendo, plenumante

sian daŭran penon de purigado al la alto, kantas la plej grandan himnon al Dio. Ĉe la morala centro de la Universo estas granda brilo kiu altiras ĉiujn estulojn per forto de morala gravito pli potenca ol tiu kiu ligas en la spaco la grandajn planedajn kaj stelajn masojn. Mi ĉion vidas kaj nenion al vi diras por ke vi ne blindiĝu. Mi ĉion vidas. Mia potenca mano tenas la destinon de la mondoj. Mi povus ŝanĝi la iradon de la astroj, sed ni estas leĝo, ordo kaj ekvilibro kaj ni evitas la perfortojn. En mia pugno mi tenas la destinon de la popoloj; tamen mi venas al vi humiliĝante antaŭ vi, por rikolti inter vi la parfumon kiu eliĝas el iu animo simpla. Ĝi estas mia sola konsolo kiam mi subiĝas tien sur la teron en tiujn profundajn kaj mallumajn tavolojn de densa materio, konsistantajn el malaltaj kaj naŭzaj aferoj. Tiu parfumo ŝajnas perdita en via atmosfero el pestaj elodoroj, kvazaŭ venkita de la fluso de la malbono; tamen tiun parfumon mi perceptas, elektas kaj rikoltas, kiel oni rikoltas humilan juvelŝtonon; mi rikoltas la malfortan floron delikatan kaj ĝentilan, elirintan el la koto, kaj ĝin mi metas en mian koron, por ke tie ĝi ripozu. Ĝi estas la sola kareso kiun mi povas renkonti tie sube, la sola kanto pura kaj dolĉa ĉe kiu mi povas halti. Samkiel la bebo ripozas ĉe la kanto de la patrino, kaj ŝajnas ke neniu alia kanto povas ĝin simili, tiel mi luliĝas kun sento de senfina dolĉeco en la sino de tiuj ĉi humilaj voĉoj perditaj sur via mondo. Ili estas la sola halto en la laboro lumigi kaj gvidi vin, ribelajn homojn, vin kiuj kredas regi kaj estas regataj, kiuj kredas supreniri kaj male vi subiras. Tamen mi povus mirigi vin per miregindaĵoj kaj vin timigi per kataklismoj. Ĉu mi tiel konvinkus vin? Mia mano estas levita ankaŭ super vi, malbonuloj, en ago de beno, ne de venĝo. Aŭdu bone tiun ĉi grandan vorton: mi volas ke la ekvilibro perfortita per via malico restariĝu per la vojoj de la amo, ne per la vojoj de la puno. Ĉu vi komprenas la grandan diferencon?

Jen la kaŭzoj de mia interveno, de mia ĉeesto inter vi. La Leĝo volas la ekvilibron. Tio estas la Leĝo. Vi ĝin perfortis per viaj kulpoj, ofendante en ĝi Dion. La ekvilibro "devas" restariĝi,

la reago "devas" okazi, la rezulto "devas" sekvi la kaŭzon, de vi libere volitan.

Dio volis vin liberaj, tion vi scias. Nu, mi venas por ke la ekvilibro restariĝu per la vojoj de la amo, de la kompreno, mi venas por vin inciti, per fajraj vortoj, al la kompreno; por vin inciti libere sekvi la vojon de la elaĉeto; mi venas por ke fine vi faru el via libero uzon kiu vin levu kaj savu, ne kiu vin malaltigu kaj pereigu. Mi venas por konsciigi vin pri tiu ĉi Leĝo kiu vin gvidas, kaj pri la maniero per kiu vi devas restarigi la perfortitan ordon, por ke tiu ĉi perforto ne falu sur vin kiel terura revena ondego detruonta vian civilizon. Mi venas por vin savi, mi venas por savi tion kion plej bonan vi posedas, tion kion pene jarcentoj, je la prezo de tiom da doloroj kaj de sango, amasigis.

Inter la fera neceso de la leĝo kiu neflekseble revenas al la ekvilibro, mi metas mian amon kaj mian lumon hodiaŭ, samkiel mi jam intermetis mian doloron kaj mian martiron! Tremu, homoj. La momento estas transcenda. Nur pro transcendaj aferoj mi subiras de la alto inter vin. Aŭdu min. La mondo estos dividita inter tiuj kiuj min komprenas kaj sekvas kaj tiuj kiuj nek komprenas nek sekvas min. Ve al tiuj lastaj. La unuaj renkontos sekuran azilon en mia koro kaj estos savitaj; sur la aliajn falos neflekseble la leĝo, ne plu kompensita per mia amo, kaj ili estos renversitaj per nemezurebla tempesto, en nemezurebla mallumo. Ne iluziiĝu. Ekkonu mian voĉon. Ekkoni ĝin pro ĝia grandega tondro, pro ĝia senlima boneco. Ĉu jam parolis tiel la homo? Mi parolas al vi pri simplaj kaj pri altegaj aferoj, mi parolas al vi pri bonaj kaj pri teruraj aferoj. Mi estas la sintezo de ĉiuj veroj. Ne fermu la barieron de via animo al mi, sed aŭdu, meditu, ĉiuj vi permesu ke tiu ĉi luma radio, kiu venas de Dio, subiru en vian konsciencon kaj ĝin lumigu. Mi petegas, igante min humila antaŭ vi; humile mi petegas, pro via savo, aŭdu mian voĉon. Subiru al vi la paco. La paco! La paco kiun vi ne plu konas, al vi subiru. Inter vi kaj la dia justeco estas mia preĝo kiu diras: "Dio, pardonu ilin ĉar ili ne scias kion ili faras." Kompatindaj estuloj vagantaj en la mallumo

de siaj pasioj; kompatinduloj kiuj kredas vera lumo la brilantan kvazaŭoraĵon de la falsaĵoj de la tero! Kompatinduloj malicaj kaj koruptitaj! Tamen vi estas miaj filoj, pro vi mi krucumiĝos denove por vin savi ankoraŭ. Kompatinduloj kiuj en efemera triumfo de materio, kiun vi nomas civilizo, komplete perdis la solan ripozon de la koro, mian pacon! Aŭdu min. Mi parolas al vi kun amo, kun grandega amo. Mi estis de vi insultita kaj krucumita, tamen mi vin pardonis; mi pardonas vin ankoraŭ kaj ankoraŭ vin amas. Mi portas al vi la pacon. Mi revenas al vi por paroli pri scienco kiun via scienco ne konas, por diri al vi la parolon kiun neniu homo scias diri, la vorton kiu satigas por ĉiam. Aŭdu min. Mia voĉo subirigos en vian koron ekstazon kiun neniu triumfo super la materio povos iam al vi doni.

Per fulmo de intuicio mia lumo disradios sur vin komprenon kiun la laborigaj procedoj de via racio atingos neniam. La racio diskutas kaj kalkulas ĉar ĝi estas filo de la egoismo. Mi estas fulmo kiu ekflamas en vi, kaj el vi, en unu momento, povas fari heroojn. Akceptu, mi petegas, tiun ĉi superegan donon kiun mi faras al vi, pro kiu de tiom malproksime mi venis al vi; akceptu tiun ĉi mirindan donon: mian pacon. Estas la ĉiela feliĉo kion plenmane mi portas al vi, feliĉo kiun tera afero povas doni al vi neniam. Ekkonu mian pacon, malfermu por ĝin ricevi ĉiujn pordojn de via animo, satiĝu, ebriiĝu per ĝi. Ĝi estas nemezurebla dono kiun mi portas al vi el la sino de Dio, graco per kiu mia nemezurebla amo kompensas vian sendankemon. Mi venas al vi ŝarĝata per la plej belaj donoj, por verŝi sur vin la veran feliĉon. Mi venas por moderi la dian Justecon. Mi faris tiom longan kaj lacigan vojaĝon por alveni de mia radianta ĉielo ĝis sube en via mallumo. Mi venis spontanee, pro la amo kiun mi portas al vi. Ne renovigu la turmentojn de Getsemano, la turmentojn de la homa nekompreno, la turmentojn de senlima amo rifuzata.

Kiu estas mi? Vi demandas min.

Mi estas la duonvarmo de la matena suno kiu gardas la malfermiĝon de la floro kiun neniu vidas; mi estas la ekvilibro kiu,

en la sinsekvo de la elementoj, al ĉiuj garantias la vivon. Mi estas la ploro de la afliktita animo kie burĝonas la unua vizio pri la dieco; mi estas la ekvilibro kiu, en la sinsekvo de la moralaj faktoj, al ĉiuj promesas la savon. Mi estas la reĝo de la fizika mondo de via scienco; mi estas la reĝo de la morala mondo kiun vi ne vidas.

Ĉiam vi min serĉas, ĉie ajn, sed de fibreto al fibreto sur viaj anatomiaj tabloj, de molekulo al molekulo en viaj laboratorioj, mi eskapas el vi, ĉiam pli en la profundo. Vi serĉas min disŝirante kaj sekcante la kompatindan materion; sed mi estas spirito, kiu animas ĉion kaj ne per la okuloj kaj la iloj de la materio, sed nur per la okuloj kaj la iloj de la spirito vi povas renkonti min. Mi estas la rideto de la infano kaj la kareso de la patrino; mi estas la ĝemo de la agonianto kiu petas savon; mi estas la duonvarmo de la unua suno de printempo kiu portas la vivon, mi estas la uragano kiu portas la morton: mi estas la aerdisiĝanta beleco de la fuĝanta momento; mi estas la eterna harmonio de la Universo; mi estas Amo; mi estas Forto; mi estas Koncepto; mi estas Spirito kiu ĉion animas, ĉiam ĉeestante; mi estas la Leĝo kiu kun mirinda ekvilibro regas la organismon de la Universo; mi estas la nerezistebla Forto kiu pelas ĉiujn estaĵojn al ascendo; mi estas la grandega kanto kiun la kreitaĵaro kantas al la kreanto. Mi estas ĉio kaj ĉion mi komprenas, eĉ la malbonon ĉar ĝin mi tenas kaj limigas por la celoj de la Bono. Mia fingro skribas en la eterneco kaj en la infinito la historion de miriadoj da mondoj kaj vivoj kaj indikas la ascendan vojon de la estuloj kiuj revenas al mi, kiujn mi altiras per mia amo kaj kiujn ĉiujn mi ensorbos en mia lumo.

Tiom da mondoj mi vidis antaŭ la via, tiom da ili mi vidos poste. Viaj grandaj apokalipsaj vizioj estas por mi etaj faldo en la tempo. Mi venos inter la fulmoj de la tempesto por humiligi la fierulojn kaj levi la humilulojn. Mi venos en la triumfo de mia floro kaj de mia potenco, venkanto super la malbono kiu estos lanĉita denove en la mallumon. Tremu, ĉar kiam mi ne plu estos la amo kiu pardonas kaj vin protektas, mi estos la eksplodo de la tem-

pesto, mi estos la liberiĝo de la elementoj lasataj al si mem, mi estos la Leĝo, kiu ne plu bremsata per mia volo, eksplodos timiga sur vi, portante ruinon. Ĉio estas ligata en la Universo. Fizikaj kaŭzoj kaj rezultoj moralaj, moralaj kaŭzoj kaj rezultoj fizikaj. La organismo el kompakta interplektaĵo estas komplete ĉirkaŭ vi kaj vi estas ĉirkaŭvolvitaj kaj embarasitaj de ĝi en ĉiu via ago.

Mia potenca dekstra mano tenas la destinon de la mondoj; tamen ĝi scias subiri ĝis la plej humila knabo por viŝi per kareso lian ploron, kaj tio estas mia vera grandeco. Vi, kiuj tremante min admiras en la impeto de la uragano, admiru min anstataŭe en tiu ĉi povo, kiun mi havas, fari min humila por vi, en tiu ĉi saĝo, kiun mi havas, scii subiri de mia alta regno al via mallumo: admiru min en tiu ĉi nemezurebla forto, kiun mi havas, redukti mian potencon al malforteco kiu similigas min al vi. Mi ne petas ke vi komprenu mian potencon kiu metas min for de vi, sed mi petas ke vi komprenu mian amon kiu igas min simila kaj proksima al vi. La potenco povos vin mirigi kaj timigi sed ĝi donos pri mi ideon superitan, la ideon pri venĝema kaj despota mastro. Mi ne plu volas vian obeemon pere de via teruro. Devas nun ekaperi nova aŭroro de konscienco kaj amo. Vi devas vin levi al pli alta leĝo kaj mi revenas hodiaŭ por diri al vi la bonan novaĵon. Mi ne plu estas via venĝema kaj despota mastro, kiel necesis rilate la popolojn de alia tempo, sed mi estas via amiko kaj mi parolas per vortoj de boneco al via koro kaj al via racio.

Vi ne plu devas timi sed kompreni; via infaneca racio malfermiĝis kaj mi venas por tien ĵeti mian lumon, mi estas sintezo de vero kaj de ĉiuj flankoj la vero aperos, de ĉiuj anguloj de la tero ĝi supreniros al la lumo de via intelekto. Mi ne portas lukton sed pacon; mi ne portas apartigojn de konsciencoj sed kunfandiĝon de konceptoj kaj de animoj. La tera homaro estas sentonta sin unu sola, en nova spirita konscienco. Ne insultu vin sed vin komprenu reciproke. Ĉiu portu sian eron al la granda fido kaj ĉi lasta igu vin ĉiujn fratoj. Kaj la religio, mia revelacio, kaj la scienco, via

laciĝo, kaj ĉiuj viaj apartaj institucioj donu reciproke la manojn en granda sintezo kaj ĝi estu sintezo de vero.

Ĉar mi estas la Vojo, la Vero, la Vivo.

## MESAĜO AL LA KRISTANOJ

*Ĉe la 19-a jarcento post la morto de Kristo*

Kion vi faris, kristanoj de la mondo, en dek-naŭ jarcentoj da laboro, por la efektivigo de la ĉiela Regno sur la tero?

Apud la kreado de civilizo, la jarmila direkto donita al la homa penso, la kolosaj verkoj de la arto, la amaso da martiroj, da geniuloj, da sanktuloj, apud la tuta bono ke la Kristanismo prenadas de la dia fajrero kiu ĝin animas, kiom da malbono ŝuldata al la homa malforteco ĉe kiu ĝi agas! Kiom da rezisto de vi kontraŭstarata al tiu dia pelo kiu volas vin konduki al la alto, kiom da firmeco por resti esence paganoj! Kiom da tempestoj la homo per siaj pasioj elĉenigis ĉirkaŭ la ŝipo de la Eklezio de Romo!

La feran neceson submeti la nebrideblan penson al la formo, al la disciplíniga normo, kaj kovri per mistero la lumplenan veron, altrudis vian instinkton de ribelo, kiu alie kondukos la originalan principon al la dissplitiĝo en la ĥaoso. Iuj altaj veroj kiujn la Kristanismo enhavas ne estis praktikeblaj nur kulpe de la nematureco de la homoj, iuj liberoj ne povis esti donitaj al uloj pretaj por la misuzo de ĉio. Kiom da laciĝo devas elteni, kiom longan vojon devas laŭiri la dia ideo por efektiviĝi sur la tero!

Ĉu vi jam imagis al vi kian nemezureblan moralan forton sur la mondo vi reprezentus se vi vere estus kristanoj? Ĉu vi jam pensis en kian paradizon aliiĝus la tero se vi estus komprenintaj kaj praktikintaj la evangelian instruon pri amo? Anstataŭe, kiel malĝoja spektaklo! La unu sola parolo disspeciĝis en plurajn riverojn, la ŝafaro estas dividita, la filoj de Kristo ne estas fratoj sed malamikoj!

Alvenis la horo vekiĝi al la lumo de iu pli vasta konscienco. Grandajn skuojn la tempo maturigas ankaŭ sur la kampo de la spirito kaj en la decida momento mi diras al la mondo la decidan ideon. Mi venas por voki vin ĉiujn al kuniĝo, kristanoj de la mondo, por ke, trans la formo kiu vin apartigas, vi ariĝu ĉirkaŭ la figuro de Kristo kaj en la esenco vi retrovu unuecon.

Tion ĉi mi diras en Lia nomo en la tempo kiam kompletiĝas dek-naŭ jarcentoj post Lia morto kaj la historio alpaŝas al la tria jarmilo. Mi diras ke vi ĉiuj denove ĉirkaŭbraku vin reciproke antaŭ la minaco de la baldaŭa historia momento, por ke via unuiĝo formu baron kontraŭ la malbono kiu estas lanĉonta teruran atakon. La grandaj luktoj altrudas la grandajn unuiĝojn. Mi ne tuŝas viajn dividojn pro formo, sed mi baziĝas sur la esenco de la ideo de Kristo, de kiu ĉiuj viaj kredoj naskiĝis. Mi volas ke reviviĝu la fido, en vi malfortiĝanta, al la simplaj eternaj aferoj jam skribitaj, ke la simpla spirito de Evangelio revivu kaj igu vin ĉiujn fratoj. Nur tion ĉi la mondo bezonas kaj tio estas la solvo por ĉiuj krizoj. Ne sistemoj ĉiam novaj, sed la nova homo necesas aperi. Mi venas por unuigi, ne por dividi, mi portas pacon, ne militon. Mi ne tuŝas viajn homajn regulojn, sed mi diras al vi: Amu vin reciproke en la nomo de Kristo kaj viaj reguloj iĝos perfektaj.

Antaŭ la komenco de la nova jarmilo, ĉiuj homaj valoroj ricevos grandan revizion kaj la fido riĉiĝos per la kontribuo de la racio kaj de la scienco. Ĉe la tujeco de la difinita tempo la tuta kristanaro turnu sian rigardon al la lumturo de Romo.

Venu vi ĉiuj, homoj kiuj kredas posedi diversan veron. Dio estas unu sola vero, esence egala en ĉiuj religioj, en la scienco samkiel en la fido. Se la vojoj, la alproksimiĝoj estas malsamaj, la principo kaj la celo estas la sama pura kaj simpla ideo pri frateca amo, la ideo reganta tiel en Evangelio kiel en la universo. La diversaj profetoj asertis per malsama potenco kaj aspekto la saman principon. La homaro emas la grandajn unuiĝojn, tiel la politikajn kiel la spiritajn. Ne novaj religioj, sed la ekzistantaj ligataj per

fandiĝo de fido kiu ĉirkaŭprenos la mondon. La progreso ne kuŝas en la rivaleco kiu apartigas, sed en la reciproka amo kiu unuigas.

Paco, unueco, amo estu ĉe vi kun mia beno.

# MESAĜO AL LA HOMOJ DE BONA VOLO

*En la 19-a jarcento post la morto de Kristo*

El la alto de la Kruco mi rigardas vin, homojn de bona volo, sen distingo pro raso aŭ kredo. Mi ne parolas tie ĉi nur al la kristanoj, sed mi parolas al ĉiuj miaj filoj, kiuj estas la justuloj de la tero, de kiu ajn raso aŭ kredo.

Mi parolas al ĉiuj, ne gravas via homa distingo. Mia vorto estas universala kiel la suna lumo. Dio ne povas izoliĝi en aparta eklezio. Mi diras la veron kaj la juston, kaj, al kiu ajn ĝi estas dirata, ĝi daŭras tia. La mensogo, kiu min falsas, pasas. Mi restas. Ne gravas ĉu la boneco estas ekspluatata de la malbonuloj. La Bono triumfas. Mi amas ĉiujn.

Vi, homoj, serĉas la purajn standardojn por fari el ili brilajn mantelojn por vi. Kaj kiu povas malhelpi sur via tero el hipokritaĵoj ke la fiuloj sin kaŝu en la ombro de la aferoj puraj, ke la falsuloj prenu la brilegajn mantelojn por sin kovri? Ĉi-kaze la kredoj, la religioj ne plu estas ideo, koncepto, sed fasko da interesoj, kasta organizaĵo.

Tiel vi formis por vi hierarkiojn, sektojn, klasojn kaj grandojn kiuj ne havas respondon en la ĉielo. Via klasifiko estas nur homa kaj fikcia, ĉar ĝi respondas al la ŝajnoj de la tero, ne al la intimaj valoroj de la spirito. Ĉio restas tie sube kaj ne altiĝas trans la teron.

Mia distingo estas alia. La elektikoj estas ĉiuj kiuj min sekvas sur mia vojo de doloro, rezigno, humileco, amo. Venu al mi vi, kiuj suferas. Vi estas la granduloj, la elektitoj de la ĉielo. Tio ĉi estas mia distingo. La homaj distingoj ne valoras. Ne valoras la

mantelo, sed la homo kiu estas sub ĝi. Nur sur la vojo de la doloro kaj de la amo vi renkontos miajn grandajn ĉefojn. Jen kie, en la absurda lukto inter tiom da kontraŭaj voĉoj kaj organismoj, vi renkontos la bonon, la justecon, la veron.

Kie ajn en viaj grupoj estas la bonuloj kaj la malbonuloj, ĉi lastaj ofte okupataj de la disputo pri vero kiun neniu el ili posedas. La vero estas en la koro kaj en la agoj, ne en la formoj kaj en viaj homaj pozicioj. Celu la Bonon; celu, kie ajn li estas, la homon, ne la standardon. Serĉu la homon, nudan kaj internan realon en liaj intimaj valoroj, ne la signojn kiuj distingas lin ekstere. Ĉi lastajn oni povas falsi, la homon ne. La standardo povas reduktiĝi al indikilo de kolektivaj interesoj; la homo laŭiras sola la vojon de sia destino.

Justuloj kaj maljustuloj estas do miksitaj sur la tero por provi sin reciproke kaj vi renkontos ilin kune, la veramulojn kaj la falsulojn, sub la sama nomo de vero. Nur mi, kiu legas en la koroj, distingas, kiel distingas la voĉo de via konscienco, kie mi parolas. Do miaj filoj estas ĉie ajn, sed ilin vi ne vidas. Nur mi vidas ilin; la doloro kaj la morto, kiuj mortigas la aliulojn, ilin altigas. Mia distingo estas trans ĉiuj homaj kategorioj.

Mia regno ne estas sur la tero, ĝia Reĝo ne havas fizikan korpon, iliaj granduloj tie sube ne posedas, sed suferas kaj amas. Mia plej profunda religio havas nematerian formon kaj neniun el tiuj eksteraĵoj permesitaj al la materio kaj homa malperfekteco, kiuj estas ĉiam la bazo de ĉiuj misuzoj. Mia altaro estas la doloro, mia preĝo estas la amo, mia religio estas la unuiĝo kun Dio en la penso kaj en la agoj. Mi estas, trans ĉiuj formoj kiuj vin apartigas, la principo kiu unuigas vin, homojn de la tero, en mia amo.

# MESAĜO PRI LA PACO

*Skribita la Sanktan Ĵaŭdon vespere, sur la monto super S. Sepolcro, antaŭ Verna – Paskon 1943*

Mia lasta mesaĝo, de Pasko 1933, en la 19-a jarcento post la morto de Kristo, direktita en du momentoj al la kristanoj kaj al la homoj de bona volo, estis mia lasta voĉo en tiu ciklo de prepariĝo kaj atendo. Multaj okazaĵoj tie antaŭanoncitaj jam maturiĝis. Mi revenas al vi en ĉi Pasko 1943, dek jarojn poste, en la terura aflikto de doloro kiu ŝajnis nerealiĝebla, por porti konsolon al la homoj kaj al la justuloj, al la kredantoj, por diri meze de la bruego de la universala detruo la ekvilibran vorton pri paco.

Havu fidon kaj la fido igos vin superi ĉiujn animprovojn. Dio ilin permesas por ke vi lernu uzi vian liberon, kaj ne por via detruo. Vi ne perdiĝu en la ĥaoso. Ĝi estas nur ŝajna. Vi ne vidas kaj ne scias, ĉar vi estas trempintaj en la detalo, en la angoro, en la laciĝo, la bonon kiu estas trans la ŝajno de la malbono. Tamen Dio, nevidebla kaj ĉieestanta, estas ĉe via flanko, iras kun vi, akompanas viajn paŝojn kaj ilin gvidas, ĉiam vin provizas, trans la ŝajna malordo, per la nemezurebla kaj eterna ordo de siaj saĝaj leĝoj. Lia mano kliniĝas sur la humilulon, sur la malfortulon kaj venkiton, por lin relevi. Konsolu vin tiu ĉi aserto pri dia leĝo de justeco trans la homa leĝo de forto.

Mi lasis vin antaŭ vojforko kaj vi elektis, kaj la mondo havas la animprovon kiun ĝi libere volis. Ekde kiam mi lasis vin, la mondo devoris rapide la vojon de la historio. La plej intensa voji-

rado kaj la plej profitdona leciono estas en la doloro, lernejo kaj sankcio de Dio. Vi ripozos. Tio necesas, por ke la rezultoj de la penado penetru profunde kaj estu asimilitaj. Dume ne haltu ĉe la detalo de la momento aŭ de la aparta kazo. Ili ne konsistigas la tutan vivon kiu estas en la grandaj linioj de elvolviĝo de la Leĝo per kiu esprimiĝas la penso de Dio. Nur altiĝante vi renkontos la universalan veron, senmovan en la movo, la perfektan justecon. Nur se vi ascendos trans la eventualaĵoj de la horo kaj de la loko, vi trovos la kompletan liberon, la kvieton de la absoluto, la pacon kiu estas trans la venko kaj la malvenko, la veran pacon, malproksiman al la homaj aferoj. Ascendi estas la granda celo de la vivo, ascendi laŭ la vojoj de la spirito, kaj tiu ĉi laboro, ĉiam ebla kaj libera, povas esti de ĉiu ajn farata kaj finita, kiam kaj kie ajn. Neniu, kaj en neniu kazo, povas forpreni de vi tiun ĉi liberon konstrui vin mem, kreski tiamaniere kvalite kaj potence. Kaj tiu ĉi ascendo estas kio plej gravas, kaj pro ĝi vi eltenas la animprovojn de la vivo. En la ascendo kuŝas la esenco de la historio, la vera rikolto post ĉiu ĝia elvolviĝo. La grandaj riĉaĵoj estas interne, en vi, kiuj igas vin pli potencaj kaj feliĉaj, ne estas ekster vi. Ili estas kvalitoj kiuj ne perdiĝas, ne la posedaĵoj kiuj perdiĝas. Kia ajn estas la vico de venkinto aŭ de venkito, daŭros sinsekve la alfluo de la amasoj da suferantoj kaj da ĝuantoj, kaj la triumfo povas esti ilo de perdiĝo, kaj la malfeliĉo povas esti ilo de reviviĝo. Kiel neniu vivo, tiel ankaŭ neniu forto povas nuliĝi kaj ĉio postvivas, transformiĝante. La milito esence mortigas neniun.

Mia vorto, kiu estas trans la mondo kaj ĝia lukto, diras, ripetante la leĝon de Dio kiu regas la vivon: Ve al tiuj kiuj misuzas la nuran superecon de forto, forgesante la justecon. Ĉio estas kompensata en la Leĝo kaj estas pagita per longdaŭraj ĉenreagoj de malamoj kaj venĝoj. La vorto de la ekvilibro instruas al la venkinto ke la misuzata venko ne estas permesita kaj ĝin oni pagas; kaj montras al la venkito la vojojn de la spirito en kies libero estas maniero kompensiĝi pro ĉiu ajn ekstera sklaveco. La ven-

kinto renkontas la naturajn limojn de la forto, la venkito renkontas la liberon en la senigo al li trudita.

La suno rebrilos kaj la vivo refloros, post la tempesto. Tio estas la leĝo de ekvilibro. Tio plej gravas: ke vi lernu la instruon. Sed memoru: ĉiu konservu en si, en la profundo, kun la potenco de konvinko kaj akirita kvalito, la frukton de tioma animprovado. Kaj la reflorado de la vivo ne eksplodu en freneza bruego de ĝuanta karno, en orgio de triumfanta materio. La celo de la milito kaj la enhavo de la venko ne estas la triumfo en la materio, sed la triumfo en la spirito en iu nova civilizo. Ve al vi se vi ne estos lernintaj la afliktigan instruon kaj vi ne ŝanĝos direkton. Se, anstataŭ ascendi laŭ la vojoj de la spirito, vi denove iros laŭ la malnovaj reloj, tiam vi refalos sub la samajn doloriĝajn sekvojn ĉiam pli intensajn.

Mia voĉo estas universala kaj fuĝas de la homaj distingoj. Tamen kelkfoje ĝi devis tien subiĝi. Tiam oni diras kun skandalo: Dio estas partia. Sed estas pesilo, reflekso de justeco, ordo ankaŭ en la historio kaj ĝi devas efektiviĝi. La absoluta senpartieco estus indiferento kaj foresto de Dio. Justeco kaj ordo, kiuj estas la principoj de la esto, devas subiĝi ankaŭ en la teron kaj tie agi, pezante sur la malbono kaj venkante en la kunbato de la fortoj. Alimaniere Dio estus nur en la ĉielo, kaj ne ĉeestanta kaj aganta ankaŭ sur la mondo, ĉe vi kaj viaj luktoj. Li estas tie ĝuste por gvidi ilin, por ke ili ne finiĝu per absoluta detruo kaj ĥaoso, sed estu ilo de konstruo kaj de bono, kaj la animprovoj kaj la doloroj de la mondo direktiĝu al la frukto kiu kuŝas en la ascendo de la spirito, celo de la vivo.

Do mi lasas al vi, por konsolo de la justulo, la jenajn verojn: via penado, eĉ se ĝi povas esti nur individua, izola, kiam ĝi estas sana, sincera kaj direktiĝas al la superega celo, kiu estas la spirita altiĝo, troviĝas ankaŭ sur la linio de la vivo, do ĝi estas protektata kaj stimulata, ĉar ĝi estas la linio volata de la leĝo de Dio; krome, pro tiu sama leĝo laŭ kiu la universo estas konstruita kaj kiu direktas ĝian organan funkciadon, la fortoj de la bono, mal-

graŭ la malfaciloj kaj rezistoj, neniam povos esti superitaj de la fortoj de la malbono. Do estas fatala la fina triumfo de la spirito kaj en la spirito vi venkos; triumfo kiu valoras la nemezureblan doloron kiun ĝi kostas. La dia desegno pri la vivo jam vaste plenumiĝas.

# MESAĜO PRI LA NOVA ERAO

*Verkita vespere en la antaŭtago de Kristnasko 1953, en San-Vicente (San-Paŭlo), Brazilo.*

En la silento de la sankta nokto, kiel je la unua fojo kiam mi parolis al vi por komenci la Verkon, mi denove nun al vi parolas, por ĝin fini.

Mi revenas laŭ mia dekjara ritmo, komenciĝinta je Pasko 1933 per la Mesaĝo al la Homoj de Bona Volo kaj Mesaĝo al la Kristanoj, kaj daŭrigita je Pasko 1943 per la Mesaĝo pri la Paco.

Ĉi-foje, denove post dek jaroj, en 1953, mi denove parolas al vi, sed ĉe Kristnasko, ĉar tio ĉi estas tago de naskiĝo kaj tio ĉi estas la Mesaĝo pri la Nova Vivo: ĉe Kristnasko, samkiel okazis al la unua mesaĝo de la jaro 1931, ĉar, post ĉiuj aliaj paskaj mesaĝoj, tio ĉi estas la mesaĝo kiu finas la serion.

Mi venas por doni al vi la vorton de la espero, ĉar en la ĥaoso de la mondo ekbrilas la novaj unuaj lumoj de la mateniĝo. La tempo marŝas kaj vi eniris en la duan duonon de la jarcento, dum kiu tio kio estis antaŭdirita en mia unua mesaĝo de Kristnasko 1931 veriĝos. Do vi eniris en la fazon de aktiva preparado de la nova civilizo.

Mi venas por paroli al vi en la horo volata de la ritmo kiu prezidas la laŭordan elvolviĝon de la eventoj, laŭ la volo de la Alto. Hieraŭ vespere mia homa instrumento, ne sciante tion, gvidate de tiu ritmo, skribis la lastan vorton de la tria el la tri trilogioj kiujn mi al li diktadis.

La laboro progresis persista kaj konstanta, dum dudek jaroj kiuj nun finiĝas, tra tempestoj kiuj detruis naciojn kaj radikale ŝanĝis la politikan karton de la mondo; ĝi progresis kaŝita en la silento, protektata per la ombro de la ĝenerala indiferenteco, ŝajne liverita al unu sola kompatinda homo, kun minimumaj homaj rimedoj, venkante per la solaj fortoj de la sincero kaj de la vero, en la plej humila kaj simpla formo, dum viaj plej grandaj homaj organizaĵoj disfalis. Hodiaŭ la miraklo estas finita. Tio ĉi estas por vi pruvo de vero.

Vi havas hodiaŭ antaŭ viaj okuloj kompletan sistemon, kiu per unueca principo solvas ĉiujn problemojn kaj respondas al ĉiuj demandoj. Hodiaŭ vi havas la orientiĝon kiu donas al vi ŝlosilon por klarigi la enigmojn de la universo. Vi povos ĝin uzi de nun eĉ solaj, por daŭrigi la esploron ĝis la infinito en la analiza detalo.

Tiel la verko estas virtuale plenumita. Tiel la granda piramido estas konstruita kaj staras sur la tero, en la tri sinsekvaj planoj, unu sur alia. La generacioj pasos, rigardante la ciklopan konstruaĵon de penso levitan al la Alto je la horo de la destino de la mondo.

La lasta volumo nun finita estas ŝtona bloko, levita el la tero ĝis la pinto de la piramido, unu el la punktoj kien Kristo povos meti sian piedon, en sia nova descendo al la tero, ĉi-foje spirite, por ke efektiviĝu Lia spirita Regno.

Tiel sur la pinto de la piramido lumo brilos por lumigi la mondon, kaj tiu lumo nomiĝas Kristo.

Kaj la generacioj irantaj, irantaj laŭ la senfina vojo de la tempo, vidos el malproksime la lumturon kiu indikas al ili la vojon, ĝin ili indikos unu al la alia, dirante: kuraĝon! Malmilda estas la doloro kaj longa la vojo de la evoluo, sed ni havas gvidanton. De la Alto Kristo rigardas nin kaj al ni parolas. Ni ne estas solaj. Li estas kun ni. Ĉe Liaj piedoj, Lia piedestalo, estas la piramido de la kono, farita el penso, kiu estas Lia lumo. Al la pli elementa fazo de la fido postvenis la pli progresinta fazo de la kono, per kiu kompletiĝas la Amo. Kaj, per la kono, Kristo reve-

nas al la tero por efektivigi Sian Regnon, jam fonditan antaŭ dudek jarcentoj.

* * *

La ritmo de la mesaĝoj komenciĝis ĉe Kristnasko 1931, daŭris en 1932 kaj finiĝis je Pasko 1933 (je la 19-a jarcento post la morto de Kristo), poste resonante laŭ dekjara ritmo. La unua mesaĝo aperis ĉe la fino de 1931, samkiel la korpo de Kristo estis enterigita je la sankta vendredo vespere. La mesaĝoj daŭre aperis en 1932, samkiel la korpo de Kristo daŭre kuŝis en la tombo je la sankta sabato. Ili finiĝis, per la lasta mesaĝo, je Pasko 1933, plia centjariĝo de Lia morto, samkiel Lia korpo reviviĝis ĉe la mateniĝo de la tria tago. Ili poste revenis laŭ dekjara ritmo, kaj nun ili kompletigas dudek jarojn, ekvivalentaj al la dudek pasintaj jarcentoj.

Mi indikas al vi tiujn ĉi harmoniojn, kiujn mia instrumento ne sciis, nek estas antaŭaranĝitaj de li, sed de la Alto, sen Lia scio, por igi vin kompreni ilian sencon. Kio estas harmonia, tio malsupreniras de la Alto; kio estas malakorda, tio supreniras de la malalto. Tiu ĉi hodiaŭa mesaĝo respondas al la fino de la dua jarmilo kaj vin kondukas al la tria, de la nova civilizo. Tiu ĉi respondas al la tria tago, ĉe kies mateniĝo okazis la Reviviĝo. Tiu ĉi neantaŭvidebla akordiĝo de ritmoj, tiu ĉi muzikeco eĉ en la formo de la genezo de la Verko, estu por vi plia pruvo pri vero.

Ĉar tiu ĉi mesaĝo kondukas vin al la tria jarmilo, ĝi nomiĝas la mesaĝo pri la Nova Erao. La materiisma mondo freneze batalas por sia memdetruo. La drako estos mortigita per sia propra veneno. La vivo, kiu neniam mortas, prepariĝas por anstataŭigi la malnovan mondon per nova: la regno de la spirito, en kies efektivigo Kristo triumfos. La homaro atendis dumil jarojn pri la bona novaĵo, sed fine alvenis la horo ĝin efektivigi. La vivo profitos la tempestojn kiujn la fortoj de la malbono estas elĉenigontaj, por sin purigi, ĝi profitos la detruon por rekonstrui pli alte.

Tiel mi ripetas nun la vorton de la unua kristnaska mesaĝo 1931: "La detruo estas necesa... iu granda bano de doloroj necesas por ke la homaro retrovu la ekvilibron perfortitan; granda malbono, kondiĉo por pli granda bono. Poste la homaro purigita, malpezigita, pli selektita pro la perdo de siaj plej malbonaj elementoj, reariĝos ĉirkaŭ la nekonatoj kiuj hodiaŭ suferas kaj silente semas, kaj ĝi, jam renoviĝinta, reprenos la ascendan vojon. Iu nova erao komenciĝos kiam regos la spirito, kaj ne plu la materio, reduktita al sklaveco..."

Vi renkontas tiel la samajn vortojn ĉe la komenco kiel ĉe la fino. Sed hodiaŭ vi estas dudek jarojn antaŭe en la tempo, tio estas maturiĝo de eventoj. Hodiaŭ vi troviĝas en la pleneco de la tempoj. Tiu ideo, disvolviĝinta tra la tri trilogioj de la Verko, alproksimiĝas hodiaŭ al la efektiviĝo. La lucifera ribelo de la materiisma ateismo estas ĵetonta kontraŭ Dion sian lastan furiozan lukton por la absoluta triumfo, superega penado kiu finiĝos per ĝia disfalo absoluta. Kaj Dio vidigos al la terurita homaro, pro ĝia bono, ke Li sola estas la absoluta mastro.

Vi troviĝas ankoraŭ ĉe la densaj nebuloj. Sed trans ili la suno jam brilas kaj ĝi estas preta ekaperi por inundi la mondon per lumo kaj varmo. La alia marĝeno de la nova Regno estas proksima kaj la homaro atingos ĝin baldaŭ. Jam la nova kontinento aperas al la okuloj de la sperta navigacianto, kaj la homaro, post la granda trairado el du jarmiloj, povas krii: Tero! Tial, tiu ĉi povis nomiĝi la mesaĝo pri la nova erao, ĉar ĝi ne plu estas la anonco pri la Bona Novaĵo, sed ĝi estas la anonco pri ĝia ekfektiviĝo.

Kiel ĉio plenumiĝis ĝis nun laŭ nefleksebla ritmo, tiel ankaŭ ĉio daŭre plenumiĝos. Per tiu ĉi dua dekjara mesaĝo estas entenita la periodo de la dua jarmilo, estas plenumita la prepara ritmo de la tria tago de la Reviviĝo, kiel ankaŭ de la tria jarmilo. Nun kiam mi kondukis vin ĝis tie ĉi, ĝis ĝiaj pordoj, per tiu ĉi mesaĝo, kiu kronas la plenumiĝon de la tria trilogio de Verko, la ciklo de la mesaĝoj finiĝis. Ĝi antaŭiris kaj akompanis la Verkon. Ĝi nun finas la Verkon en la hemisfero kontraŭa al tiu kie ĝi estis ko-

mencita kaj elvolvita, sur la bordoj de la novaj teroj kie naskiĝos la novaj grandaj civilizoj de la estonteco.

La piramido estas tie. Ĝia lasta ŝtono estis metita nun. Dum la mondo iros ĉiam plu al la de nun fatala plenumiĝo de sia volita destino, sur tiun ŝtonon metos la piedon kaj leviĝos la figuro de Kristo, kiu, flamante, lumigos, kiel lumturo, la vojon al la irantoj serĉantaj lumon, por ilin orienti sur la longa vojo de la homaj ascendoj.

Havu fidon, havu certecon. La nova erao atendas vin. En la grandega lukto Kristo estas la plej forta, kaj Li estos kun vi kaj kun ĉiuj Liaj kredantoj.

# KOMPLETA VERKARO DE PIETRO UBALDI

## en la portugala lingvo

1 – **Grandes Mensagens**
Spiritaj mesaĝoj kaj biografiaj notoj.

2 – **A Grande Síntese**
Sintezo kaj solvo de la problemoj de la Scienco kaj de la Spirito.

3 – **As Noúres**
Tekniko kaj ricevo de la pensaj fluoj.

4 – **Ascese Mística**
La mistika fenomeno pristudita kaj pervivita de la aŭtoro.

5 – **História de um Homem**
Unu homo, lia destino kaj lia batalo por la idealo.

6 – **Fragmentos de Pensamento e de Paixão**
La franciskanaj idealoj. La vera religio.

7 – **A Nova Civilização do Terceiro Milênio**
La vera civilizacio. La biologia tipo de la estonta epoko.

8 – **Problemas do Futuro**
Psikologiaj, filozofiaj kaj sciencaj problemoj.

9 – **Ascensões Humanas**
Sociaj, biologiaj kaj mistikaj problemoj.

10 – **Deus e Universo**
Teologia sintezo. Konceptado pri la maksimumaj problemoj (unuaj kaj lastaj).

11 – **Profecias**
La estonta mondo. La historia funkcio de Brazilo.

12 – **Comentários**
Dokumentoj kaj komentarioj pri la Verko.

13 – **Problemas Atuais**
Teorio pri reenkarniĝo. La nova homo. Patogenezo pri kancero.

14 – **O Sistema**
Genezo kaj strukturo de la Universo.

15 – **A Grande Batalha**
La armiloj de Evangelio kaj la potenco de nerezistado.

16 – **Evolução e Evangelho**
Socia justeco. La Evangelio kaj la havaĵoj.

17 – **A Lei de Deus**
Kiel funkcias la gvida penso de Dio.

18 – **A Técnica Funcional da Lei de Deus**
Meĥanismo de la agantaj spiritaj fortoj.

19 – **Queda e Salvação**
Fenomeno de la evoluado de Spirito kaj de materio.

20 – **Princípios de uma Nova Ética**
Racia moralo. Psikanalizo. Homa personeco.

21 – **A Descida dos Ideais**
La idealoj kaj la viva realaĵo. Laboro kaj propraĵo. Kristanismo kaj Komunismo. Teilhard de Chardin.

22 – **Um Destino Seguindo Cristo**
Spiritaj spertoj de la aŭtoro dum 40 jaroj de sindediĉo al la Verko.

23 – **Pensamentos**
Kiel orienti la propran vivon. Analizo pri veraj okazaĵoj.

24 – **Cristo**
Profunda studado pri la personeco de Kristo.

Mendoj al
FUNDAÇÃO PIETRO UBALDI
Av. Rui Barbosa 1061
28015 Campos (RJ) – Brazilo
Telefonnumero: (0247) 22-2266